# IREJO - Bulteno

## Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

N-ro : 10  Aûgusto - Septembro 1995  Mordad -Ŝáhrivár 1374



## Adresoj

**IRĚJO - Bulteno**

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Helpredaktorino : Fáriba Nuri Máĝd □Korektisto : Hámze Ŝafii □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Eldona ordo : du monate □Poŝta adreso :

P . O . Kesto : 17765-184, Tehran-17, Irano

**Irana Esperantista Junulara Organizo-IREJO**

Landa sekcio de : Tutmonda Esperantista Junulara Organizo-TEJO

Landa filio de : Internacia Scienca Asocio Esperantista -ISAE

UEA kodo : irej-n, FEL kodo : irej-n

Fondita : Julio 1993/Tir 1372

P . O . Kesto : 17765-184 , Tehrano

IREJO Estraranoj :

Ĉefgvidanto : M . Reza Torabi (Planado, Eksteraj Rilatoj, Informado), p/a : IREJO

Vicgvidanto : Ábdollah Hákimneĵad (Instruada Rondo, Universitataj Rilatoj), p/a : IREJO

Ĝenerala Sekretario, Kasisto : Ábbas Bagetsani (Komputila Rondo), P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : +98 21 6612445

Sekretario : Ĝámŝid Áhmádi (Scienca Rondo),n-ro : 10, kh 30, YousefAbad, Tehran-14319

***4a IREJO renkontiĝo***
***Jara ĉefkunveno***

Dato : 10 08 95 / 19 05 1374
Ejo : la IREJO sidejo - Tehrano
Detalaj informoj : 021 6612445 ĉe Ábbas Bagestani
Aliĝkotizo : por la membroj : 2500 Rialoj, nemembroj : 5000 Rialoj

## Inter ni ...

Nia asocio festis sian **du jaraĝecon** en la 16an de julio. Dum la pasintaj du jaroj okazis eventoj ĉu bonaj ĉu malbonaj tamen agrablaj kaj instruindaj. En tiu-ĉi numero koncize mi esprimas miajn spertojn kaj opiniojn pri la okazintaj aferoj dum la pasintaj du jaroj.

***Fari aktivadon bezonas kuraĝon***

Kutime en nia societo malfacilas ke iu faru agon sen malfacilaĵo. IREJO ne facile formiĝis sed ĝia formiĝo realiĝis laŭ la kuraĝo de ĝiaj fondintoj. Ankaŭ la kuraĝo sen baza kaj bezonita informo estas senutila afero kaj ni akiris la bezonitajn informojn soifante de ĉiuj eblaj manieroj, feliĉe la klopodoj havis plenfruktodonan rezulton.

***Unua kaj nura Irana Esperanto asocio***

Laŭ la klopodo kaj laborado de nia kolektivita agado, finfine IREJO sukcesis sin registrigi en Esperantio kiel la unua kaj nura Irana Esperanto asocio. Oni dum la pasintaj 30 jaroj ne memoras kolektivitan kaj organizitan aktivadon kiel IREJO en Irano.

***IREJO-Bulteno : unua sperto***

Aperigi bultenon sen ia ajna sperto tute amatora bezonis kuraĝon. Ni



**Enhavo :**

ekis aperigi IREJO-Bultenon sen ia ajna facilaĵo kaj helpilo. IREJO-Bulteno ankaŭ estas la nura Irana periodaĵo eldonite Esperante. En la bulteno pro multaj kialoj okazis eraroj ĉu prese ĉu gramatike sed ni sukcesis aperigi ĝin bonorde ĉiu du monate kaj kiel informilo dissendi al ĉiuj asocio-membroj kaj aliaj interesintoj.

Hodiaŭ ju pli da tempo pasas des pli ni spertiĝas kaj bonformiĝas la bultenon, ĉu enhave ĉu preseblaĵe.

Feliĉe la gesamideanoj konfirmas la bezonecon de la bultenon kaj mi esperas ne malproksime la bulteno taŭge trovos sian logikan ejon ankaŭ en Esperantio kiel Irana heroldo kaj informilo.

***Ni estas nur junaj Esperantistoj***

Eksterlande multaj gesamideanoj kredis IREJOn kaj renkontis ĝin sed bedaŭrinde enlande kelkaj dubis kaj eĉ kontraŭagis ĝin. Mi kredas ke la tempo mem estos la plej bona juĝanto pri ĉiuj aferoj ankaŭ pri IREJO. La asocion fondis junaj Esperantistoj kiuj nur pensis Esperante. IREJO fondintoj kredis kaj kredas ke Esperanto indas kiel komunikadilo pri internaciaj rilatoj kaj ĝi povas havi ankaŭ rolon kiel interscienca ilo facilante sciencajn rilatojn inter sciencistoj tutmonde. IREJO fondintoj pruvis ke malgraŭ malfacilaĵoj se oni estus klopodemaj kaj entuziasmaj eblas fari multon. La juna povo se kuniĝu kun celita motivo, ĝi havos miraklan rezulton. Oni devas kredi junularon.

***IREJO subtenantoj***

Dum la pasintaj du jaroj pri diversaj aferoj ni faris konsultojn kun D-ro Hosejn Váhidi universitata profesoro kaj iniciatoro de la koresponda kurso de Esperanto en Irano. Vere la Doktoro esperigis nin pri la agado kaj konsultante kun li ni akiris valorindajn gvidojn por antaŭenirigi la asocion.

Aliflanke ni feliĉiĝis kontaktante kun la majstro Aref Azári kaj ni aplikis laŭ niaj povoj liajn studojn pri lingvaĵo. Ankaŭ tri UEA delegitoj aliĝis kaj partoprenis en IREJO : D-ro Kejhan Sájadpur, UEA delegito en Máŝhado; s-ro M.E Samanipur, UEA delegito en Ŝirazo; kaj s-ro Ĝávad Kámali, UEA fakdelegito en Áhvazo.

## Bazaj informoj pri AIS

D-ro Hejdár Ráŝidi el Torbáte-Ĝamo ankaŭ havis kunlaboron kun ni sendante skribaĵojn kaj tradukaĵojn.

***Antaŭen Esperante!***

Mi kredas ke la faritaj agoj en IREJO ne estos ĉiuj fariĝeblaj agoj sed iom da ili. Hodiaŭ ni bezonas agi ne paroli. Hodiaŭ ni bezonas laboremajn volontulajn gesamideanojn por antaŭenirigi la celitajn aferojn.

Ĉiujn aktivajn gesamideanojn antaŭe ni manprenas kaj invitas al la komuna aktivado. Jam hodiaŭ ni akiris sufiĉan sperton pri la diversaj aferoj kaj espereble uzos ilin por antaŭenirigi la aferojn plensukcese.

Irana Esperantistaro kun IREJO povas eltrovi novan manieron pri la movada aktivado en nia lando.

Ĉiam en IREJO ni atendas novajn gesamideanojn. Ni memoru ke sen nia aktivado ne okazos miraklo; la miraklo estas ni mem, devas kredi nin mem kaj la tempon.

M. Reza Torabi.

## Respondo al la plej oftaj demandoj pri la Akademio Internacia de la Sciencoj

### *Kio estas AIS?*

AIS estas la komuna agadpodio de fake elstaraj kaj lingvopolitike progresemaj sciencistoj el la tuta mondo, kiuj celas internacilingve pliefikigi la esploron kaj instruon de ĉiuj sciencoj , kaj pliproksimigi ĉi tiujn al la tekniko kaj arto, per plibonigo de la internacia komunikado kaj de la inerfaka kunlaborado.

La Akademianoj (MdAIS)-t. e. la plenrajtaj, efektivaj membroj de AIS-same kiel la asociitaj, efektivaj membroj (AMdAIS) kaj la adjunktoj (AdAIS) apartenas al diversaj nacioj , kontinentoj, rasoj, religioj, lingvoregionoj kaj politikaj kampoj. La politika pluralismo de la apartenantaro garantias la striktan politikan neutralecon de AIS , krom la komuna strebado al ties ununura politika celo: realigi en la scienca mondo iom post iom la bazan homan rajton je komunikado sen malhelpo ĉu pro lingvobaroj ĉu pro lingvodiskriminacio.

## Bazaj informoj pri AIS

AIS ne estas limigita al kelkaj sciencoj (tial ĝi ne nomiĝas "akademio de sciencoj"), sed ĝi estas principe malfermita al ĉiuj kampoj de sistema esploro, en kiuj celataj kaj imageblaj estas ekkonoj validaj sendepende de lingva, rasa, politika, religia kaj alia aparteneco. Tial la sekcioj kaj fakaro de AIS , kvankam spegulanta la klopodon komplete klasigi laŭ modernaj vidpunktoj la sciencaron, nek enhavas la teologian nek ananlogan doktrinon de ajna religio , sed ja la komparan religisciencon kaj historisciencojn de la religioj. La Akademio Internacia de la Sciencoj estas libera institucio en la libera respubliko San Marino (la plej malnova kaj plej malgranda eŭropa respubliko). La ŝtato Sam Marino donas juran bazon kaj materian helpon, sed ne tuŝas la liberecon de la scienca instruado kaj esploro.

### *Kio AIS ne estas?*

Kvankam la Akademio Internacia de la Sciencoj laŭ artikolo 4 de sia statuto "zorgas speciale pri la aplikado de la Internacia Lingvo en la scienca komunikado kaj en kulturo", ĝi nek volas nek povas anstataŭi la Akademion de Esperanto aŭ ajnan alian organizon de la Esperanto-movado. Kvankam la ununura laborlingvo de la Senato, de la Ĝenerala Asembleo kaj de la ekzamenkomisionoj de AIS estas la Internacia Lingvo de Doktoro Esperanto, la statuto deklaras krome la kvar en la eŭropa scienco plej tradiciriĉajn etnajn lingvojn oficialaj lingovj de AIS: la italan, francan, germanan kaj anglan lingvojn. La gvidantoj de AIS estas konsciaj, ke la celoj de la Esperanto- movado transiras la celojn de la Akademio , kiuj ja estas limigitaj al la scienca kaj -duavice-teknika kaj arta laborkampoj. Tial AIS neniel celas konkurenci kun la Esperanto- movado aŭ altrudi ties kompletan kulturon kaj idealaron al la membroj kaj adjunktoj de la Akademio. Ne malmultaj akademianoj , asociitaj membroj kaj adjunktoj ja science uzadas la lingvon iniciitan 1887 de D-ro L.Zamenhof pro la precizeco, koncizeco, lernfacileco kaj neŭtraleco de ĉi tiu plej sukcesa vivanta lingvo, sed ili ne sentas sin pro tio jam Esperantistoj.

Tiun sian ekstermovadecon AIS reliefigas respektante la kompromison proklamitan okaze de la solena malfermo de la "Unua Sanmarina Universitata Sesio" (SUS 1) la 28-an de decembro 1983: AIS

uzas kiel nomon de la zamenhofa lingvo ne la pseŭdonimon de la iniciatinto sed la originalan nomon "Internacia Lingvo" ofte mallongigite per "I.L." aŭ "ILO".

### *Kiel ekestis AIS?*

Pro instigo de sciencistoj el la "Eŭropa klubo" la sanmarina ministrino pri klerigo kaj kulturo, Fausta Morganti, prezentis proponon pri starigo de la Akademio, kiun la "Congresso di Stato" per sia decido n-ro 58 favore prijuĝis la 19-an de majo 1983. La iniciatgrupo AIS de Eŭropa klubo preparis la unuan Sanmarinan Universitatan Sesion (SUS 1), per kiu la scienca laboro de AIS fakte jam en 1983 komenciĝis, kaj dum kiu establiĝis la Internacia Scienca Kolegio (ISK) plenumanta ĉi sciencan labron. La 13-an de septembro 1985 okazis la oficiala fondo de AIS per ĉeadvokata subskribo de la statuto, kaj la 31-an de oktobro 1985("1985 post la fondo de la Respubliko") la Granda kaj Generala konsilo de la Respuliko de San Marino aprobis la kadroleĝon pri la universitata instruado kaj institucioj de altgrada klerigado kiu ebligas nun la ŝtatan agnoskon de la instrua laboro de AIS sen tuŝi ties internaciecon kaj sendependecon. Tiel eblas, ke AIS, aplikante detalan ekzamenregularon, agnoskas surbaze de prijuĝo fare de internacia komitato studojn kompletigitajn ĉe universitatoj aŭ aliaj altlernejoj per havigo de internacia sciencista grado: "bakalaŭro" (Bac.) post almenaŭ 2 - 3 jara studado, "magistro" (Mag) post almenaŭ 2 postbakalaŭraj studjaroj, "doktoro"(Dr.) kaj "habilita doktoro" (Dr.habil.) pro posta esplorlaboro. Tiuj titoloj estas akireblaj ankaŭ originale per studado kaj ekzameniĝo okazante grandparte ĉe docentoj de AIS.

La Fino de unua parto.

---

La aŭtoro de la artikolo "Imamo Ĥomejni, lumo en obskureco" kiu aperis en la antaŭa numero estis s-ro Áli Ásgar Kosári el Kángaváro. Bedaŭrinde ni forgesis mencii lian nomon, kore pardonpetas,

## Alvoko al la preĝo

Antaŭ la preĝo islamanoj vokas azanon. Jen la traduko de azano el la Araba lingvo :

*Alaho estas la plej granda (4 foje)*

*Mi atestas ke estas neniu Dio krom Alaho (2 foje)*

*Mi atestas ke Mohamedo estas la sendito de Dio (2 foje)*

*Mi atestas ke Ali estas la amiko de Dio (2 foje)*

*Hastu al preĝo (2 foje)*

*Hastu al liberiĝo (2 foje)*

*Hastu al bonfaro (2 foje)*

*Alaho estas la plej grand' (2 foje)*

*Estas neniu Dio krom Alaho (2 foje)*

**Esperantigis : D-ro H.Ráŝidi - Torbáte Ĝamo**

## 2a konkurso por IREJO membroj

kompletigu jenajn frazojn kaj demandojn :

1- Mi pensas, ......... mi ekzistas!

2- ......... vi hezitas pri la afero?

3- Lia vojaĝo kaj estis komisio ......... komerco.

4- Ĉiu vorto kaŝas en si alia(j)n vorto(j)n ne radiko(j)n. Menciu ilin.
Vetero,okulo, revolvero, diamondo, katoptriko, koro

5- Kion signifas la sekvaj mallongigoj?
UK , IJK , Sam-ino , b.v , i.a , pk , d-ino

6- Esprimu vian ideon pri Esperanto en frazo.

La solvojn sendu ĝis la 10a de Ŝáhrivár al la redakcio indikante sur la koverto, **"2a konkurso"**

## Bildvortaro




# RILATOJ KAJ KOMPAROJ

1. JEN MI
2. KAJ JEN MIA AMIKO KAJ ESTONTA BOFRATO PETRO = PEĈJO
3. LI SIDAS TRANKVILE
4. ĈI TIO ESTAS LIA ĈAPO
5. ĜI ESTAS BELA
6. TIE ESTAS MIA FRATINO MARIA = MANJO
7. ŜI ESTAS MALPLI ALTA OL MI
8. KAJ LI ESTAS PLI ALTA OL MI
9. LI ESTAS LA PLEJ ALTA EL NI ĈIUJ
10. JEN LA KVIN FINGROJ DE MIA MALDEKSTRA MANO
11. LA UNUA NOMIĜAS DIKA FINGRO
12. LA DUA NOMIĜAS MONTRA FINGRO
13. LA TRIA NOMIĜAS MEZA FINGRO
14. LA KVARA NOMIĜAS RINGA FINGRO
15. KAJ LA KVINA KAJ LASTA NOMIĜAS ETA FINGRO
16. LA DIKA FINGRO ESTAS FAKTE LA PLEJ DIKA
17. KAJ LA MEZA ESTAS LA PLEJ LONGA
18. JEN EGALAJ ĜEMELOJ = DU-NASKITOJ: JOĈJO KAJ JAĈJO
19. KAJ JEN SIMILAJ LERNEJANINOJ: ANJO KAJ KANJO
20. MI DIS-DONAS = PROPONAS: KONFITAĴOJN
21. UNU PRENAS NENION
22. ALIA PRENAS ION
23. KAJ ALIA PRENAS PRESKAŬ ĈION

***Fragmentoj el la ricevitaj leteroj:***

Karaj gesamideanoj

Ĵus hieraŭ mi aŭdis la dissendon de Radio Aŭstria internacia pri via peto por korespondi. Permesu min prezenti mem al vi. Kvankam mi havas 42 jarojn mia koro estas relative juna tial mi lastatempe abonis al internacia junulara kongreso 1995 de TEJO apud Sanktpeterburgo. Antaŭ kvin monatoj mi forlasis mian hejmlandon (Aŭstralio) kie mi estis kompania direktoro ĉar mi preferas vojaĝe disvastigi Esperanton kaj profesie vivteni min en eksterlando kiel instruisto de la angla lingvo. Nia kompanio importas ilojn kaj maŝinojn el Ĉinio kaj ĝi ankoraŭ prosperas laŭ miaj amikoj pro mia foresto.

De tempo al tempo estas mia honoro kaj plezuro fari prelegojn en variaj Esperanto-kluboj pri mia amata lando kie loĝas signifan polan komunon. Oni devas rimarki la malpuregecon ĉi tie. Mi antaŭnelonge suferis de gripo, migrenaj kapdoloroj, haŭtproblemoj, falantaj haroj kaj digestaj nekutimaĵoj kiuj laŭ mi estis plej parte atribuitaj al la terura malpuregeco en Silezio. Nia propra sano estas grava afero, sed eĉ pli grava estas la sano de la infanoj. Mi jam multvojaĝis tra la mondo kaj mi devas diri ke mi neniam antaŭe vidis tiom da infanoj kun dikaj okulvitroj kaj pulmaj problemoj. La sama situacio nun ekzistas en multaj landoj eĉ en fora Aŭstralio, do la solvoj devas esti universalajn solvojn kiel Esperanton ĉar la senkulpeco de niaj infanoj estas universala. Kiel solvi ? Esperanto relative viglas ĉi tie, en Rusio, en Japanio kaj en Ĉinio, do mi espereble estas en la ĝusta loko por laŭeble akceli la realan simbiozon inter la Esperanto-movado kaj la internacia media movado, eble Greenpaco, por ke ni kaptu la atenton de kaj la mondgazetaro kaj la por junularo. Tia maniere iom da cinikeco kaj iom da apatio ĉiame malaperos. Eble vi konsentas pri noblaj ideoj kaj motivoj SED kiel oni firme tenas la cerbosaman atenton de la mondgazetaro ? Mi cerbumis tre radikalan planon kies plenumo bezonas kredon, sinfidon, tempon kaj moneton. Se vi estas mondpacamanto kaj vi opinias ke ni kune povas vojaĝi per ŝarĝvagoneto al ĉinion kaj Vladivostokon por ĉeesti la sesan pacifikan kongreson en 1996, kontaktu la aŭtoron. Simile al Marko Polo, ni kiel egulaj, atingos la Orienton sub la protektado de ĵurnalisteco kaj helrek lamita Esperanto-veturilo.

## Ĉu Aidoso en Irano?

Kore via kaj ĝis revido.

**Paûlo desailly, ul. Panewnicka 21/2, katowice ligota, Pollando.**

... Viaj ĝojigaj novaĵoj min interesis vere. Mi sincere admoras vian kuraĝon. Dank' al seriozaj laboradoj, ni havos sendube bonegan ŝancon por diskonigi la lingvon internacian en nia vasta lando. Mi, persone, dankas elkore ĉiujn samlandanojn, kiuj tiel fervore klopodas por disvastigi Esperanton en la Irana societo.

**S-ro M.Ĝávad Kámali, UEA fakdelegito en Áhvazo.**

Mi gratulas vin ke finfine vi sukcesis krei IREJOn, kiun mi de longe deziris. Mi estas esperantistino kiu edziniĝis kun Turka esperantisto. Mi esperas ke baldaû E-o en Irano pli kaj pli aktiviĝos kaj ĉiuj esperantistoj partoprenos al via tre utila agado.

**S-ino Heŝmát Fáráĝi - Turkio** (UEA fakdelegito pri turismo)

## Ĉu Aidoso en Irano?

El la plej novaj kaj la mortigaj infektoj virusaj estas la malsano de Aidoso, kiu konatiĝis por la unua fojo jare 1981 somere en Los-Anĝeloso de Kalifornia. La sloganon tie estas : saneco por ĉiuj ĝis la jaro 2000 kaj la esperon de la medicina mondo kiu, kredis povi elvadikigi la tutajn infektajn malsanojn, subite la apero de Aidoso jare 1981 transformigis ĝin al la malespero. Laû la takso de MOS (Monda Organizaĵo pri Sano) - (en la Angla W.H.O) - ĝisdate 15-a Januaro de 1993 (Báhmán 1371) proksime 10 ĝis 13 milionoj da viroj, virinoj kaj infanoj tra la tuta mondo poluciĝitis per SAMM(Sindormo Aktuta Manka Memdefendo=Aidoso) - en la Angla AIDS-viruso - . El tiuj, 611589 personoj infektiĝitos per SAMM ke, el tiuj infektiĝitoj 20 ĝis 30 miljonoj estas la viroj kaj la virinoj egale, kaj, la aliaj dek miljonoj konsistas el la infanoj. Ankaû dek milionoj de la neinfektitaj infanoj perdos siajn gepatrojn de SAMM kaj orfiĝos.

## Ĉu Aidoso en Irano?

En Eŭropo kaj Usono pro la scio de la popoloj de la kontaĝmaniero, la propagado de la malsano malkreskiĝis, sed oni taksas ke %90 el la infektaj kazoj aperiĝante en la venontaj jaroj estos en triaj mondaj landoj!

Ekde komenco de la luktprogramo kontraŭ Aidoso en Irano ĝisdate fino de Esfánd 1371 (19/3/1992) kiom nombroj 226 infektitaj kazoj per SAMM konatiĝe raportiĝis. Devas atenti, tiuj raportitaj kazoj estas pli etan el realaj kazoj en la lando. Laŭ la ekzistaj informoj epidemio de Aidoso komencis jare 1366 (21/4/1987) en Irano kaj nune la stato estas plidisvolvade. Pli eventuale en la venontaj jaroj proksimaj kiel vaste ĝi aperos. Tiel, Aidoso en nia lando nune kiel potenciale malfacilaĵo, sed frue okazante kiel efektiva problemo videbliĝas.

Pro tio, kio la unuajn kazojn de Aidoso oni vidis ĉe la samseksemuloj de Usono, pli multaj da popoloj precipe en la tria mondo, ilin imagis ke tiu, nur limiĝas al la grupo de tiaj personoj do, ĝin nomigis pesto de la samseksemuloj. Sed per la kono de aliaj kontaĝvojoj, laŭ la ricevitaj raportoj, nur %10 de la infektitoj konsistas el la grupoj de la samseksemuloj. Kiam nombro tuta de la kazoj raportite al MOS estas ĝisdate de Januaro 1993 el 173 landoj tra la mondo 611589 kazoj. Taksiĝas, la reala nombro de la kazoj Aidoso estas en la mondo 3 ĝis kvaroble de la raportitaj.

Aidoso por la unua fojo en Irano en la jaro 1366 (1977) ĉe unu infano ses jara, kiu uzinte la sangajn produktojn vidiĝis. La temo kaŭzis konsisto de la landa komitato luktante kontraŭ Aidoso. Ekde komenco de la batalo kontraŭ Aidoso en Irano (de jaro 1366) ĝisdate 31/6/1372 (22/9/1993) entute 266 kazoj infektitoj estas konita, ĉirkaŭ %28 el tiuj infektitoj okazis pro seksaj kontaktoj.

La modelo de la transfera vojo de la malsano kiu, en unuaj jaroj estis proksime sangaj produktoj (%65) grade ŝanĝiĝis, tiel ke inter la raportitaj kazoj ekde komenco de la jaro 1371 (20/4/92) ĝis la fino de Ŝáhrivár 1372 (22/9/1993) t.e. dum la unua jaro la transfera vojo interŝanĝiĝis, tiel ke ĉirkaŭ %64 de la kazoj Aidoso okazis pro la sekskuniĝo. Sendube kiel la supro de la glacia monto en la akvo flosante ke ties granda parto ne videblas.

Per : Ĝámŝid Áhmádi (ISAE delegito en Irano)

***Proporcio de la infektaj kazoj de la jaro 1366(1988) ĝisdate 31/6/1371( 22/9/1992 )***

| % | Nombro | Kontaĝmaniero |
|---|---|---|
| 65.5 | 174 | Sangaj produktoj |
| 2.2 | 6 | Injekta Alkutimiĝo |
| 27.8 | 74 | Seksumiĝo |
| 1.5 | 4 | El Patrino al Infano |
| 3 | 8 | Nedifinitaj |

***Tabelo 1***

***Proporcio de la infektaj kazoj dum la unu jaro (de 1371 ĝis 1372)(1992-1993)***

| % | Nombro | Kontaĝmaniero |
|---|---|---|
| 14.7 | 11 | Sangaj produktoj |
| 8 | 6 | Sango |
| 4 | 3 | Injekta Alkutimiĝo |
| 64 | 48 | Seksumiĝo |
| 4 | 3 | El Patrino al Infano |
| 5.3 | 4 | Nedifinitaj |

***Tabelo2***

Referencoj :

1. Infekto de HIV. D-ro Reza Jágubi, Eldonejo : Márkáze Náŝre Eŝarát. Unua eldono, Vintro 1372.
2. Aidoso, D-ino Minu Mohráz kaj kunlaborantoj, Eldonado de Sanaj Aferoj de Sana Ministerio. Aûtuno 1372.
3. Kun la danko al s-ro V.Sámádi

N-ro 0079, aperas dusemajne




# Eventoj

Redakcia adreso:
Budapest, pk. 87.
H-1675, Hungario
Telefono kaj telefakso:
+36-1-2828885

Internacia sendependa gazeto pri la Esperanto-movado — 1 / junio - '95

*Strategiaj decidoj en Esperantujo. Kiu sekvos la ekzemplon? Pornografiaj temoj en la E-gazetaro...*

## Por ke Esperanto restu viva!

Ĉu la lingvo Esperanto kaj la Esperanto-movado ankoraŭ ekzistas? Kaj se jes, ankoraŭkiom longe? - Eldonantoj de libroj, kasedoj ktp. ĉiutage frontas la problemon pri la magra kvanto de aĉetantoj (averaĝa eldonkvanto de libroj: 500 ekzempleroj. Krome, antaŭe ekz. en Hungario en 1 jaro oni eldonis 36 E-librojn, nun 1...), organizantoj de aranĝoj nur revas pri amasa partopreno (antaŭ dekkelkaj jaroj ekz. IJK-jn partoprenis ĉ. 1000 gejunuloj, nun 200), kaj esperantistoj-aplikantoj amare renkontas la kreskantajn problemojn kaj prezojn (memoru pri la "ĉielaj" prezoj de IJK-95).




Linio: Individuaj membroj, Kolumnoj: suma kvanto

Ĉio ĉi povus esti nur subjektiva pritakso, se ni ne rigardus la konkretajn ciferojn. En la apudaj bildo kaj tabelo estas montrata la kvanto de UEA membroj en la lastaj jaroj. (Fonto: UEA).

### Ne kulpas la soclandanoj!

Ofte oni aludis, ke la malkreskon de membroj kaŭzis la orient-eŭropaj ŝanĝoj, - sed tio ne estas vera, almenaŭ ne tiel globale! La ŝanĝoj en orienta Eŭropo komenciĝis en novembro-decembro de 1989, do efiko de tiuj aferoj povas esti respegulata en la UEA statistiko plej frue en la datumoj de 1992!

La falon post 1987 ĝis 1992 do kaŭzis ne tiu fenomeno, sed tute aliaj faktoroj. Evidentas, ke esperantistoj atendis "ion", ian elstaran sukceson de la jubilea jaro por la disvastiĝo de Esperanto. Tio ne okazis, eĉ paralele la mondo eksplode internaciiĝas, tankiras antaŭen la angla - kaj multaj niaj iamaj homoj jaro post jaro seniluziiĝas, eksiĝas.

| Membronombroj de UEA | | | |
|---|---|---|---|
| jaro | AM | IM | sume |
| 1979 | | | 30810 |
| 1983 | | | 37501 |
| 1987 | 36351 | 7291 | 43642 |
| 1989 | 32474 | 7355 | 39829 |
| 1991 | 19146 | 8071 | 27217 |
| 1993 | 16041 | 7272 | 23313 |
| 1994 | 14495 | 7018 | 21513 |

AM: asociaj membroj,
IM: individuaj mebroj

### Paralelaj tendencoj

Evidente la Esperanto-komunumo konsistas ne nur el UEA-membroj. Sed ni devas konscii, ke ĝi estas la plej granda, kaj ĝenerale respegulas la staton de Esperantujo. Se ĝenerale en monda dimensio kreskas la nombro de esperantistoj, kreskas ankaŭ la nombro de UEA, - kaj ankaŭ inverse!

Kompreneble en iuj landoj povas ekzisti kontraŭaj tendencoj pro aktiva, altnivela laboro de iu kolektivo, pro lokaj cirkonstantoj, ktp. sed en monda dimensio la UEA-statistikajo tamen estas korelativa (samtendenca) al la ĝenerala bildo...

### Kritika (kriza) maso

La malaltiĝo de membronombro (aŭ ĝenerale la nombro de esperantistoj, servo-uzantoj) en si mem ne estas granda problemo - ĝis tiu malkresko atingas iun kritikan nivelon: Se la nombro de servo-uzantoj tro malkreskas, malmultiĝas kaj plikostiĝas la E-servoj (perdas la allogan karakteron), kio kaŭzas plian neuzon de tiuj servoj kaj plian eksiĝon, kio denove kaŭzas la malaperon de E-servoj, aplikebloj...

Tiu diabla spiralo estas mort-danĝera al ĉiu firmao kaj same al nia E-movado! Esploru la sekvan tabelon (kompilita laŭ la revuo Esperanto en la red. de Ruslanda Esperantisto):

| | 1983 | 1992 | 1993 |
|---|---|---|---|
| Nombro de libroj | 219 | 205 | 136 |
| Sumo de paĝoj | 33139 | 25789 | 18511 |
| Tradukitaj beletrajoj | 42 | 31 | 28 |
| Averaĝa paĝkvanto | 151 | 126 | 136 |
| Averaĝa prezo | 15.2 | 15.9 | 20.1 |

La konkludon faru vi mem.

### Strategio necesas!

Tiuj fenomenoj estas videblaj ne nur nun. Kiam ni startigis la gazeton Eventoj en '92, ni jam vidis ĝin kaj la temo "strategio" daŭre ricevis primaran prioritaton (vidu la (fi-?)faman artikolon de J. Werdin en '92, la artikolojn postulantajn "laborajn kaj strategiajn kongresojn" en Vieno, Valencio ktp). Ni klopodis atentigi la komitatanojn kaj estraron de UEA, sed nia voĉo estas tro mallaŭta. (Kaj mi estas nek A-nek B-komitatano de UEA...)

### Haltigu la spiralon!

Por perspektiva ekzisto de nia komunumo ni devas haltigi la falon de organizitaj membroj! Ni devas analizi la kaŭzojn, la motivojn kaj devas pripensi la sekvindan vojon. Tiu proceso de ellaboro kaj plenumo nomiĝas strategio...

Ekzistas aliaj, same neprofitcelaj organizoj, kiuj estas sukcesaj. Memoru pri la feminisma, verdula, vegetaranisma movadoj. Ni devas atenti pri iliaj manieroj, kaj apliki la utilajn elementojn.

### Ne ploru! - Agu!

Por haltigi kaj returni la nunajn tendencojn plej unue ni devas zorgi pri niaj jamaj membroj. La plej unua paŝo devas esti la zorgo pri la baza informfluo, kaj solvo de la eduka parto de la lingvo-instruado.

Se la informfluo ne estas solvita, la informoj pri aranĝoj, libroj, eldonaĵoj, servoj ne atingas la potencialan uzanton... Kaj inverse, la renkonto de diversaj servoj generas la deziron fari aliajn.

### Pionira paŝo en Hungario

Dum la ĉi-jara Ronda Tablo de hungariaj E-organizoj (estas ĉ. 20), la ĉeestantoj post longa preparo fine akceptis la sekvajn strategiajn decidojn:

*"Partoprenantoj de la Ronda Tablo konsentas pri tio, ke se oni volas restigi viva kaj disvastigi la Esperanto-movadon - estas fundamente necese ligi la lingvolernantojn al la Esperanto-komunumo kaj movado. Por tiu celo*

*- 1. La subskribantaj organizoj faras nur tiajn lingvo-instruadojn, E-kursojn, kie krom la lingvaj elementoj ankaŭ la instruado de*

- *la bazo de Esperanta kulturo,*
- *movada strukturo,*
- *enmovadaj servoj kaj ilia konkreta uzmaniero*

*estas konsiderataj kiel integra parto de la instrua proceso.*

*- 2. La subskribantaj organizoj konsideras fundamenta postulo, ke la instruisto (kursgvidanto) ankoraŭ antaŭ la fino de la kurso instigu ĉiujn lernantojn al abono de iu internacia Esperanta gazeto, certiganta la bazan informfluon.*

*- 3. La subskribantaj organizoj akceptas kiel celo, ke ĉiu ilia membro abonu al iu internacia Esperanta gazeto, certiganta la bazan informfluon.*

Estas certe, ke tiuj paŝoj ne sufiĉas por haltigi la tendencon, sed ili estas la unuaj paŝoj. Pri pliaj paŝoj por plibonigi servojn, en praktiko utiligi la lingvon, faka aplikado ktp. serioze oni povas pensi nur post la plenumo de tiuj unuaj, nepre necesaj paŝoj!

### Kiu sekvos?

Evidente la problemo ne estas nur hungaria. Dependas de la konscienco de estraranoj, aktivuloj de ĉiuj E-societoj, kiel daŭriĝas nia vojo. La suprajn decidojn ni proponas al la atento de ĉiuj konsciaj Esperanto-organizoj. Kaj fine mi esperas, ke la temitajn "internaciajn E-gazetojn" - kaj ne nur Eventoj-n, oni volonte kaj kun utilo legos - eĉ sen pornografiaj temoj.

*László Szilvási*

# Novaĵoj

## Tehranaj UEA delegitoj bojkotas IREJOn!

La ĝenerala sekretario skribinte leteron invitis UEA ĉefdelegitinon kaj ĉiujn UEA fakdelegitojn en Tehrano por komuna kunsido diskutante pri la movadaj aferoj en IREJO sidejo.

Bedaŭrinde la respondo estis pripensinda silento. Nur s-ino Monire Fáhmi la fakdelegitino pri telekomunikado, kuraĝe rompis la bojkoton kaj partoprenis en la kunsido (14 02 1374/04 05 1995).

Jam ekster-Tehranaj UEA delegitoj havas reciprokan interrilaton kun la asocio eĉ D-ro Kejhan Sájadpur el Máŝhádo kaj s-ro M.Ĝávad Kámali el Áhvazo estas IREJO membroj kaj s-ro M.E.Samanipur partoprenis en 3a IREJO renkontiĝo.

IREJO oficiale denove reklamas sian preparecon por komuna kunsido kun UEA ĉefdelegitino kaj aliaj UEA delegitoj pri la movadaj aferoj, en ajna tempo kaj loko, ĉu alvenos pozitiva respondo kaj reago? Ni ege esperas.

## Ĉu IREJO E-o kursoj en "Fárháng Sáraje Ĥaváran" ?

"Fárháng Sáraje Ĥaváran" la plej granda kultura centro en Irano kaj eĉ mez-oriento baldaŭ okazigos E-o kursojn. IREJO aktivuloj finfine sukcesis diskutante kun la respondeculoj de "Fárháng Sáraje Ĥaváran". Ilin persvadi al la aranĝo de E-o kurso tie. La respondo estis pozitiva kaj baldaŭ oni okazigos E-o kurson en la plej granda kultura centro de Irano.

## D-ro Hosejn Váhidi, Granda IREJO subtenanto

D-ro Hosejn Váhidi inicatoro de la koresponda E-o kurso en Irano ekde la apero de IREJO esprimis sian opinion subtenante la bezonecon de la Esperanto asocio en Irano, renkontis IREJOn kaj kuraĝigis ĝiajn aktivulojn.

En la pasinta vintro D-ro Váhidi partoprenis en IREJO kunsido kaj faris detalan prelegon pri la E-o movado kaj la ekstera mondo.

D-ro Váhidi partoprenos en 4a IREJO renkontiĝo kaj faros prelegon.

## Átai eldonejo fariĝis UEA peranto

Ekde 1995 Átai eldonejo fariĝis kiel UEA peranto en Irano. Kontakte kun s-ro Behruz Átai la direktoro de Átai eldonejo, li informigis nin ke lia firmao ankoraŭ nekomencis agon pri la afero pro la valuta krizo, sed oni pripensas la aferon kaj baldaŭ Irana Esperantistaro uzos ilian servon pri transpagaj aferoj.

## Anoncoj

نشریات اسپرانتو زبان زیر به صورت زیراکس قابل دریافت می باشند.

۱- Esperanto نشریه ماهانه انجمن جهانی اسپرانتو، حاوی جدیدترین اخبار و رویدادها، با مقالات زبانشناسی و تخصصی. تکشماره : ۲۰۰۰ ریال

۲- Kontakto بهترین نشریه اسپرانتو زبان برای نوآموزان و دانشجویان زبان اسپرانتو، با داستانها و مطالب خواندنی کوتاه که هر دو ماه یکبار منتشر می شود. تکشماره : ۱۵۰۰ ریال

۳- tejo-tutmonde فصلنامه مجمع جهانی جوانان اسپرانتودانان حاوی خبرها و گزارشهای گوناگون در مورد فعالیتها و اقدامات انجام گرفته شده توسط جوانان کشورهای مختلف برای کاربرد زبان اسپرانتو. تکشماره : ۱۸۰۰ ریال

٤- Monato معتبرترین مجله سیاسی، فرهنگی، اقتصادی، هنری بزبان اسپرانتو که به صورت ماهانه منتشر می شود. تکشماره : ۲۷۰۰ ریال

۵- Scienca Revuo نشریه کانون علمی-بین المللی اسپرانتودانان حاوی مقالات علمی در رشته های گوناگون که هر سال به صورت دو دفتر منتشر می شود. تکشماره : ۳۵۰۰ ریال

6- Kurso de Esperanto laû aûdvida struktura metodo

دورهٔ آموزش اسپرانتو به صورت سمعی و بصری، ٤۵۰۰ ریال

7- Gramatika Demandaro Resuma

گزیده پرسشها و پاسخهای دستوری زبان اسپرانتو،
کتابی ارزشمند برای دانشجویان و نوآموزان اسپرانتو، ۱۵۰۰ ریال

8- Facila vortareto

فرهنگ آسان، اسپرانتو - فارسی
مجموعه واژه های برگزیده برای نوآموزان اسپرانتو، ۱۵۰۰ ریال

9- Suplemento de P.I.V ۲۸۰۰ ریال

لطفابرای دریافت هر کدام از کتابها و نشریات فوق به ازای موارد درخواستی تمبر باطل نشده داخل پاکت نامه به آدرس تهران صندوق پستی ۱۸٤-۱۷۷۶۵ ارسال فرمایید.